# Esperanto en Azio

n-ro 28
1997-2
julio 1997



## Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*enhavo*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

rimarko: En la Unua Azia Kongreso oni decidis forstreki la projekton Ĉ-2.

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 1998. Ĉi-jare LEE Jung-kee prenis la taskon anstataŭ CHOI Yun-huy laŭ decido de Korea Esperanto-Asocio.*

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

LEE Jung-kee/ Seula Esperanto-Kulturcentro, CPO Kesto 3047 SEOUL 100-630, Koreio. tel.: +82-2-779-5936, aŭ 779-7216. fakso: +82-2-756-4859

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

# 1. Raporto pri Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Jenaj 5 aziaj esperantistoj el 4 landoj aliĝis al UEA en 1997 laŭ la projekto C:

*el Ĉinio*

LI Lianzhong, WEN Gang

*el Uzbekio*

Vladimir R. LEMELEV

*el Rusio*

Vladimir MININ

*el Bharato (Hindio)*

Padey N.M.

Ĉiu kandidato bonvolu skribi jenojn klare legeble kaj sendi al Japana Esperanto-Instituto. Kartoj ne akcepteblas kaj ne skribu pli ol 2 paĝojn.

1) Konciza sinprezento

2) Kiel mi aktivis por nia movado en 1996

3) Kiel mi kontribuos por la movado en mia regiono

Syôzi Keiko: Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokio, 162 Japanio.

# 2. Okazos

## 2.1 La 2a Internacia Himalaja Renkontiĝo

dato: 1998-02-26 ~ 03-07

organizas: Nepala Esperanto-Asocio/ IHR-Komitato

adreso: Sierra Travel and Tours (p) LTD. PO Box 3565, Kathmandu, Nepalo

tel.: +977-1-222985 / fakso: +977-1-228194

alvoko: Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la duan Internacian Himalajan Renkontiĝon organizitan por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. La sperto devigos vin kredi ke apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo kiu estas komparinda kun Nepalo je natura, etna kaj kultura diversecoj. Partoprenante en la renkontiĝo, vi formos vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝos kun lokaj kaj eksterlandaj esperantistoj, kiuj partoprenos la samajn programerojn.

Oni oficiale nomis la jaron 1998 kiel Jaron de "Vizitu Nepalon". Do, ankaŭ vi kaptu la ŝancon kaj celebru ĝin kun ni!

Vi pasigos unuajn kaj lastajn tagojn de la renkontiĝo en Katmando-Valo, la ĉefa urbo

de Nepalo. Ĝia riĉa kaj fama historio atestas amikecon, toleremon, kaj sendependemon de loĝantoj de Katmando, Patan kaj Bhaktapur. Estas kiel reprezentantoj de la lando kaj la popolo, arto-riĉaj temploj, palacoj kaj aliaj konstruaĵoj bonvenigas vin ĉiumatene kun rideto-plenaj vizaĝoj. Post promenado en Pashupati, Baudha kaj Bhaktapur en la unua tago, vi promenos al Katmando kaj Patan en la dua tago.

Dum sekvanta tago, vi spertos aventuron de perflosa boatado sur rapida rivero Trishuli. Poste vi veturos rekte al Chitwan. La ĉefa parto de la renkontiĝo estos vojaĝo al Chitwan Nacia Parko. Tiu ĉi granda muzeo de diversaj animaloj, eble unu el la plej ĉarmaj naciaj parkoj en la mondo, situas nur 165 kilometrojn sudokcidente de Katmando. Ĝi enhavas multajn sovaĝajn bestojn inkluzive de unukornaj rinoceroj, tigroj, elefantoj, krokodiloj, cervoj de diversaj specoj, freŝakvaj dolfinoj kaj pli ol kvarcent specoj da birdoj kaj nekalkuleble abundaj specoj da verdaĵoj. Dum dutaga restado, vi faros ekskurson sur elefanoj, promenos en la arbaro kaj veturos laŭlonge de la rivero Rapti kaj vizitos vilaĝon de Tharu-gentoj.

Pokhara, situanta 200 kilometrojn okcidente de Katmando estas kiel paradizo por naturamantoj. De tie, vi povos ĝui fabelan panoramon de la Dhaulagiri, Annapurna, Manaslu, Machhapuchhre, kaj aliaj belegaj montpintoj. Inter ili, la pinto de Machhapuchhre (signifas la viŝvoston) majeste dominas la scenon.

Reveninte al Katmando, vi partoprenos grandsklalan kunvenon de esperantistoj, kie vi havos ŝancon aŭskulti ĉion pri enlanda Esperanto-movado, ebleco de varvado, kaj viaj valoraj sugestoj estos atendataj tie. Kaj ne povus iu kunveno finiĝi sen manĝado, babilado, kantado, dancado kaj ...

**kotizo:** (La kotizo estas laŭ usonaj dolaroj).

| | ~97-09-30 | 97-10-01~ | 98-01-01~ |
|---|---|---|---|
| A: | 600 | 650 | 750 |
| B: | 550 | 600 | 700 |

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj menciitaj ĉi-sekve sub B

B: Bulgario, Ĉeĥio, Slovakio, Hungario, eks-Jugoslaviaj landoj, Rumanio, Pollando, eks-Sovetuniaj landoj, ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj la Korea Respubliko), Afriko kaj Latina Amerikio

## *2.2 La 7a Nacia Kongreso de Federacio Esperanto de Bharao*

**dato:** 1997-12

**loko:** Tirupati (suda parto de Andhra Pradesh)

Detalojn petu de d-ro V.R. Potturu/ Post Box 12, Tirupati North 517 507 Andhra pradesh, Bharato. tel. +91-8574-29242

## 3. Leteroj de legantoj

### 3.1 el Nepalo 1996-12-28

Ĉe la sojlo de la nova jaro 1997 mi elkore salutas vin kaj bondeziras kaj gratulas vin pro la sukcesa redaktado de "Esperanto en Azio".

Mi interese legis ĉiujn vortojn de n-ro 25. En ĝi la prezidanto de UEA prof. Lee Chong Yeong parolis pri la "justa kaj demokrata lingva ordo" kaj li en sia prelego konsilis por skribi kaj informi pri "Manifesto de Prago". Koncerne de la punktoj mi havas distinktajn opiniojn:

Ni ne nur asertu por la "justa kaj demokrata lingva ordo, sed ĉiuj organizaĵoj, inkluzive de UEA devas fariĝi demokrataj kaj justaj..."

*Gambhir Man Shrestha/ Jogambara Instituo de Esperannto, Cha2/ 5a8, Tanlachhi Tole G.P.O.Box 4033 Katmandu, Nepalof*

### 3.2 el Kubo 1997-02-05

Mi bonorde ricevas la bultenon de UEA pri la Azia Esperanto-movado. Tio fakte grave permesas min kaj al grupo de Esperanto "Verda Plumo" de vilaĝo Santo Domingo, meze de la kuba insulo, esti tute informitaj pri via laboro fervora de Esperanto en azia regiono. Ni kore gratulas al s-ro prezidanto Takeuti Yosikazu kaj aliaj estraranoj pro senĉesa laboro. Ni estas malriĉaj. Vi jam bone konas pri la situacio de Kubo. Materiale ni ne povas helpi vin, tamen almenaŭ ni multe diskonigas pri Esperanto-movado en Azio. De la 17a ĝis la 19a de januaro ni ekspoziciis en urbo Cienfuego, Esperanto-materialojn en urba biblioteko; tie en aparta tablo ni ekspoziciis revuon "El Popola Ĉinio", multajn ricevitajn bultenojn "Esperanto en Azio". kaj aliajn Esperantaĵojn de via regiono. Ĉiufoje post la ricevo de tiu ĉi bulteno ni amase studas ene de nia grupa renkontiĝo. Mi persone instruas la lingvon al 23 geknaboj-mezlernejanoj. Ni kore deziras ricevi adresojn de aziaj esperantistoj por interkorespondi.

*José Luis Montes Deoca/ Calle José M. Sanches No 70, Santo Domingo Villa Clara, Kubo-53000*

### 3.3 el Nepalo 1997-06-28

De longa tempo mi ne skribis al vi. Parte mi estis okupita kaj parte la Esperantaj okazaĵoj en mia lando ankaŭ ne estis tiaj, ke mi kun spirito partoprenu en tiaj eventoj. Do mi estis iamaniere silenta. Tamen mi tute ne forgasis Esperanton kaj la filozofion disdonitan de d-ro Zamenhof. Mi daŭrigis korespondadon kun samideanoj de aliaj landoj.

"Esperanto en Azio" estis tiel facila ilo por informiĝi pri Esperanta movado en najbaraj landoj kaj ankaŭ estis bona ponto por kontakti aziajn esperantistojn pere de la adresaroj trovitaj en ĝi. Sed kiel bedaŭrinde ke ĝi ne venas al mi nuntempe! La lasta numero kiun mi havis estis n-ro 26 (decembro 1996). Mi estas nervoza, ĉar mi ne povas diveni iun kialon pri tio. Same, de decembro, la revuo de UEA ankaŭ ne venas. Mi sentas min detranĉita de la monda Esperanta reto. Mi volas scii ĉu mia membreco ĉesis ekzisti, aŭ pro alia kialo ĝin mi ne povas trovi ĉe mia pordo? Kaj kion mi devos fari por rericevi ĝin? Estas malĝojige ke mi legas pri la novaĵoj aperintaj en "Esperanto en Azio" tra alies leteroj kaj la ŝatata bulteno ne alvenas al mi.

*Razen Manandhar/ P.O. Box 3447 Kathmandu, Nepalo*

*(red. Certe vi jam ricevis n-ron 27, ĉar ĝi eldoniĝis malfrue, en la mezo de junio. Sed mi rimarkis, ke via adreso ŝanĝiĝis. Se ankaŭ aliaj transloĝiĝis, tuj informu nin pri adresŝanĝo. Pri la membreco de UEA ni supozas, ke vi ne estis ĝia membro laŭ projekto C. Verŝajne antaŭe oni en UEA-oficejo elektis vin kiel membron per Fondaĵo Canuto, sed ĉi-jare ne elektis. Vi legu en EeA kiel aligi sin al UEA laŭ projekto C, kaj tuj skribu kaj sendu al KAEM ĉe Japana Esperanto-Instituto. Ankaŭ aliaj, kiuj ne ricevas nian bultenon aŭ la revuon "Esperanto", informu nin, ĉar multaj sendaĵoj estas resenditaj pro nesufiĉa aŭ erara adreso aŭ adresŝanĝo.)*

## 3.4 el Taĝikio (letero al KAEM lastjare)

Mi estas instruistino pri la germana lingvo en la blindullernejo. Ankaŭ mi mem estas blinda. En la sama lernejo mi gvidas Esperanto-rondeton. Mi havas multjaran sperton de pedagogia laboro: La germanan lingvon mi instruas dum 22 jaroj kaj Esperanton dum 11 jaroj. Mi laboras kun blinduloj kaj kun vidantoj. Dum sovetiaj tempoj mi kun miaj gelernantoj multe vojaĝis, partoprenante en diversaj tutsovetiaj Esperanto-aranĝoj. Sed nun en nia lando estas milita stato. Ni ne povas vojaĝi. Ekonomie la situacio estas tre komplika. Sed ni okupiĝas pri Esperanto enlande. Mi instruas en lernejo, kaj krome mi agas en nia enlanda asocio. Ĝi ne estas ankoraŭ oficialigita, sed ĝi funkcias. Mi instruas Esperanton al novaj anoj. Nia prezidanto Firdaus Ŝukurov konsilis al mi skribi al vi tiun leteron. Kun granda helpo de miaj eksterlandaj amikoj mi sukcesis partopreni kongresojn en Finnlando kaj Ĉeĥio kaj blindulkongresojn kaj ILEI-Konferencojn en tiuj landoj. Mi ekzameniĝis, havas diplomojn de elementa kaj meza gradoj.

Dum ILEI-konferenco 1995 en Finnlando mi prelegis pri instruado de Esperanto al blinduloj. Mi montris lecionon al partoprenantoj kaj ricevis aprobon de mia laboro. Ĉi-somere mi instruis en "Somera Gimnazio" en Ĉeĥio, kie estis vidantaj infanoj kaj mi ankaŭ ricevis aprobon. Mi volas aktive labori por Esperanto en Azio. Ĉi-somere mi parolis kun Atilio Orellana Rojas. Li ankaŭ konsilis al mi skribi al vi pri tio kaj diris, ke vi nepre

helpos min. Mi kaj vi faras la saman aferon. Tial mi esperas je via helpo. Mi legis en la bulteno "Esperanto en Azio" pri projektoj, kiujn subtenas Komisiono pri Azia Movado. Mi estas preta aliĝi al la projektoj B, C, D kaj Ĉ. Mi jam delonge volas esti membro de UEA, sed financa situacio de instruistoj en nia lando estas mizera. Mia salajro estas 7 dolaroj. Do ne temas pri membriĝo. Mi ankaŭ volonte instruas Esperanton vojaĝnte al diversaj landoj. Prefere min interesas laboro kun blinduloj, ĉar al mi ŝajnas, ke ĝuste tiu branĉo "lamas" en Azio. Organizaĵoj de blindaj esperantistoj estas nur en via lando (Japanio). Estas blindaj esperantistoj ankaŭ en Ĉinio kaj Hindujo. En aliaj aziaj landoj ili mankas, aŭ preskaŭ mankas. Mi ankaŭ povas instrui al vidantoj. Kun via helpo mi multon povas fari por Esperanto en Azio. Mi volonte farus ankaŭ studvojaĝon , ĉu al aziaj, ĉu al eŭropaj landoj, kie estas fortaj Esperanto-kluboj kaj kie mi povas multe lerni. Tie mi povas ankaŭ prelegi pri nia lando, pri ĝia riĉa kulturo kaj moroj. Malfeliĉe mi estas blinda kaj bezonas helpon dum vojaĝoj. Mia filo estas 17-jara. Li ankaŭ estas esperantisto kaj bona helpanto. Mi ĉiam vojaĝas kun li. Ankaŭ li helpas en mia laboro, legante al mi kaj skribante leterojn. Malgraŭ mia blindeco mi povas fari multon por nia lingvo. Mi senpacience atendas vian leteron kaj eventualan helpon.

*Kasymova Natalija*

# 4. Lokaj Esperanto-movadoj

## 4.1 Irano –Kio nun en Irano?–

### 4.1.1 Letero al la prezidanto de UEA, prof. Lee Chong-yeong, de Kambiz Ghadiri (adresita kopie ankaŭ al "Esperanto en Azio")

1996-07-14

Estimata kaj kara Prof. Lee,

Mi estas irana esperantisto kaj individua membro de UEA ekde 1985, kaj fakdelegito pri fotografio en Tehrano.

Antaŭ kelkaj tagoj s-ino Jila Sedighi, nia ĉefdelegito, sciigis nin pri sia problemo inter si, s-ro Buller kaj s-ro Torabi en nia lasta delegit-kunsido, kaj disdonis la kopiojn de la koncernaj leteroj.

Mi devas konfirmi kaj aprobi ĉiujn ŝiajn respondojn al s-ro Buller. Ĝis nun ankaŭ mi ne vidis eĉ unufoje tiun s-ron Torabi, kvankam s-ino Sedighi ĝentile kaj amike klopodis instigi lin al kunlaborado. Mi, de tempo al tempo ricevis de tiu sinjoro t. n. bultenojn, kies enhavoj estis ĉiam plenerараj gramatike kaj ortografie. S-ino Sedighi pravas, ĉar por fondi asocion kaj aperigi eĉ unu-paĝan bultenon oni devas unue havi oficialan permeson de la Interna Ministerio aŭ aliaj revoluciaj instancoj, alie oni povas facile havigi al si gravajn

problemojn. Sed, s-ro Torabi senpermese faras aferojn, kiuj povas endanĝerigi la tutan movadon. Se io malbona okazus, estas nur prof. M.H. Saheb-Zamani, kaj s-ino Sedighi, kiuj devas respondeci ĉe tiuj instancoj, ĉar ili tion promesis al nia registaro, alie oni ne donus al ni la permeson agadi por Esperanto.

Krome, kvankam pasis jam preskaŭ 20 jaroj de kiam porf. M.H.S.Z. eksplodigis Esperanton en Irano (laŭ la artikolo de d-ro Sadler kaj multaj eminentuloj de la movado kiel d-ro Tonkin kaj d-ro Lins, kiuj ankaŭ vojaĝis al nia lando por vidi de proksime kiel funkcias la irana movado), ankoraŭ ekzistas multaj kontraŭuloj, kiuj aperigas akre atakajn artikolojn pri Esperanto.

Kiel s-ino Sedighi jam sciigis nin, prof. M.H.S.Z. jam lanĉis gravajn agadojn ekde 1991 en la Nacia Universitato de Tehrano por fondi oficialan fakon de Esperanto, kaj ni atendas ke baldaŭ en tiu kolegio oni atestus tiun gravan okazaĵon, se ĉio iros tute glate, se obstinaj kaj malsaĝaj personoj, kiel s-ro Torabi ne kaŭzus interrompon kaj fine, fiaskon. Ĉu vi povas klarigi, kial s-ro Buller antaŭ ol decidi pri Irano, kun tiom da malfacilaĵoj ne demandis siajn antaŭulojn pri nia situacio, kaj kial oni elektis s-inon Sedighi kiel ĉefdelegiton? S-ro Torabi, kiel multaj diras, jam anoncis ke eĉ se oni ne prezentas lin al UEA kiel delegiton de Irano, li finfine sukcesos per persista leterumado, kaj ŝajnas ke li pravis. Ĉiu homo ĉi tie, se tiu vidis kelkajn elementajn kursojn de Esperanto, povas false kredigi eksterlandanojn ke li estas tia aktiva.

Tial, kaj pro multaj aliaj kialoj, speciale, ĉar s-ro Buller skribis, ke s-ino Sedeghi mensogas pri la afero, kaj li malsaĝe decidos la ĉefdelegitecon de s-ino Sedighi kaj ne faros ion por ripari sian eraregon kaj damaĝon ekz. en la revuo "Esperanto", ankaŭ mi rifuzas esti fakdelegito. Mi esperas ke ĝis nun s-ro Buller komprenus sian gravan eraron pri verdiremo de nia karega ĉefdelegito. Se ŝia nomo reaperus en jarlibro, ankaŭ mi ŝatus denove vidi mian nomon tie, alie mi ne sentus min plu sekura por daŭrigi la agadon por Esperanto. Mi nun dubas, ĉu eble s-ro Torabi jam venas de inter la malamikoj de nia movado, ĉar li klopodis plenenergie unue disdividi la movadon ĉi tie kaj poste pereigi ĝin kiel oni faris tion dum la epoko de Reĝo Reza-Ŝah.

*P.O. Box 15745-458, Tehran, Iran*

### *4.1.2 raporto de Sadegh Karami*

La pioniro de "irana Esperanto-movado" dum la lastaj jardekoj, s-ro M. Saheb-Zamani prezentis Esperanton al ŝtataj profesoroj kaj universitataj studentoj interesiĝantaj pri la paca, amikeca kaj unueca lingvo dum intima kunsido en "Allameh Tabatabai" Universitato en Tehrano la 7an de decembro 1996.

Dum sia prelego li esprimis historieton pri la internacia lingvo, ĝian bazan ideon, logikon, lingvan strukturon kaj funkciadon en instrua sistemo, speciale por malpliigi instruan elspezon de fremda lingvo por evoluantaj landoj kiel Irano, kaj ankaŭ li detale

klarigis praktikeblan uzadon de Esperanto pri diversaj aferoj scienca, kultura, arta, literatura ktp en la tuta mondo kaj speciale en Irano.

En tiu kunsido, prof. Saheb-Zamani ankaŭ parolis pri neceso de disvastigo de instruado de Esperanto kaj plikonigo de ĝi al irananoj por altniveligi sian sciadon pri aferoj diversaj, precipe sciencaj. Pri la komunikaj aferoj, la preleganto emfazis, ke ni povas krei ekvilibran komunikadon kun aliaj landoj pere de Esperanto.

Fine de la prelego, la respondeculo de tiu universitato kune kun la partoprenantoj invitis lin ekinstrui Esperanton tie. Finfine la ĉeestantoj vizitis la ekspozicion de Esperanto-libroj, kiun "Atai Eldonejo" aranĝis tie.

Intertempe, prof. Saheb-Zamani faris du similajn prelegojn interesajn por ŝtataj geuniversitatanoj en la privata altinstruada institucio de fremdaj lingvoj "Allameh Ghotbe Ravandi" en la ĉefurbo Tehrano la 21an de oktobro kaj decembro 1996.

*Sadegh Karami/ P.O. Box 15875-6864, Tehran, Irano*

### *4.1.3 raporto de Mojtaba Kheir-khah*

En la 18a de junio 1997 okazis nova kurso por gestudentoj en la plej granda kaj grava ŝtata universitao "Shahid Beheshti" en Tehrano. Ĝin gvidis prof. M.H. Saheb-Zamani. En ĝi partoprenis ĉ. 30. La kurso estas la 142-a okazigita de prof. Saheb-Zamani dum preskaŭ 25 jaroj.

La granda nombro de la partoprenantoj en la lasta kurso montras nekaŝeblan verecon: t.e. Post ĉirkaŭ kvaronjarcento de Esperanto-instruista agado de prof. Saheb-Zamani ankoraŭ amase partoprenas studentaj gelernantoj. Kia Potenco!

Pri tio oni devas aldoni, ke prof. Saheb-Zamani antaŭ ses jaroj komencis unuope sian aktivon de Esperanto ĉe tiu universitato, invitite de universitata estro, kiu fidis sciencan kaj altrangan econ de prof. Saheb-Zamani. Do, li ĝis nun aranĝis 29 Esperanto-kursojn por studentoj kaj eĉ kelkajn por universitataj geinstruistoj.

Krom la kurso por komencantoj okazis ankaŭ daŭriga kaj perfektiga kursoj. Intertempe li kondukis aliajn kursojn komencan kaj mezperfektan en Centron de Iran-Esperanto. Li okazigas la kurson neprofitcele.

Fakte prof. Saheb-Zamani estas sola Esperanto-propagandisto, kiu penege plenmajstre enkondukis Esperanton en sciencajn centrojn, kiel iranaj fakultatoj kaj universitatoj. Ekzemple lastjare nur dum 2 monatoj li faris 3 gravajn kaj longajn prelegojn aparte ĉe fakultatoj, favore akceptitaj de fakultatanar-estroj amase.

Prof. Saheb-Zamani estas honora membro de UEA kaj ILEI. Du generacioj en Irano konas lin fame, kiel psikologon, verkiston, literaturiston, lingviston, esploranton pri teozofio-historio kaj homaj problemoj sciencaj.

Li mem opinias, ke ĉar li posedas unikan situacion en Irano je diversaj rondoj, li decidis dediĉi sin fundamenti Esperanton enlande, ĉar li kredas, ke nur Esperanto povas

solvi multajn problemojn de la homaro, ĉefe aziajn.

*Mojtaba Kheir-khah/ 37, K. 135, 10 Metry Dowom Javadieh, 13-657 Tehran, Irano*




*4.1.4 artikolo el "IREJO"*

**Irana Esperanto-Asocio (IREA) estas fondita!–**

***(artikolo el "IREJO - Bulteno, n-ro 16")***

Aperis nova epoko en Irano, ĉar finfine ni sukcesis oficialigi nian tutlandan Esperanto-Asocion kaj registris ĝin ĉe la ŝtato*. Tio estis ĉiam la plej granda deziro por ni, sed la vojo estis ege malglata, sennombraj problemoj kaj malfacilaĵoj nin atendis. Tamen ni kredas, ke neniu invitas nin fari iun gravan, krom ke ni mem devas malgraŭ malhelpoj ne malmultaj, sincere kaj senlace klopodi por nia ĉefa celo. Do, ni prenis unu paŝon post la alia kaj malatentis la pesimistojn, kiuj ĉiam malkuraĝigis nin pro multaj kialoj.

Jam estas la tempo fiere diri: "Jen Irana Esperanto-Asocio (IREA)"! sed ĉu finiĝis jam nia tasko? Kompreneble ne. Ja tiu estas la komenco de nia unua tamen la grava paŝo en nia aktivado! Ni havas multajn por fari.

Esperanto-movado (en Irano) en diversaj kampoj postulas jam pluan, seriozan kaj pli grave la urĝan kampanjon en trejnado de studentoj kaj novaj aktivuloj amplekse, por antaŭenirigi la celojn jam de longe planitajn.

Okaze de la fondo de nia tutlanda asocio, ni denove invitas ĉiujn samideanojn lasi la pasintaĵon (ĉu bonan aŭ malbonan), veni kaj helpi nin pri la komuna celo. Ni amike kaj speciale petas de niaj ĉiuj pioniroj, kiuj helpis nin aŭ malhelpis pro siaj propraj kialoj,

tamen ĉiaokaze ni konfirmas la realon, ke sen ilia komenca agado, nia vojo ne povus esti glata kiel nun, do volu proksimiĝi al ni kaj helpi nin per viaj spertoj, konsiloj kaj gvidoj.

Esperanto ne estas privata entrepreno de iu aŭ aliulo kaj ne estas familia rondo. Esperanto apartenas al ĉiuj, kiuj volas pace, amike kaj senfanatike bone kompreni aliajn homojn kaj helpi ilin forpreni ĉiujn miskomprenojn inter si, kaj finfine Esperanto apartenas al ĉiuj, kiuj estimas la homajn rajtojn. Do, ni pretendas nenion. Ni estas pretaj aŭskulti ĉiajn proponojn, ideojn, kritikojn, kaj plenumi celojn kaj programojn, kiujn ĉiuj komune planas kaj decidas pri ili. Ni varme premas la manojn, kiuj etendiĝas al ni kaj pretas sincere helpi nian asocion. Do, proksimiĝu al nia (via) Asocio, membriĝu kaj aktive agadu!

Ni fondis kaj registris "IREA"n. Nun ni devas multmembrigi ĝin kaj prepari kondiĉon por elektado de ĝia estraro kaj agadi vaste.

Jes, aperis nova epoko de Esperanto-movado en Irano kaj ni bezonas fortan "Landan Asocion".

*Azár Z. Kárimi, Ĉefdirektorino de IREA*

*pro malpermeso de nia ŝtato, uzi fremdajn vortojn por la nomoj de internaj asocioj, ni devige elektis persan nomon "Sabz Andiŝan", kiu signifas verd-pensantojn. Sed ni klare registris ĝian celon "Uzado kaj disvastigado de Esperanto".

### *4.1.5 el Intervjuo al s-ro Osmo Buller*

***la ĝenerala direktoro de UEA, far de Radio Aŭstrio Internacia - Esperanta Redakcio (el IREJO - Bulteno, 1997-02, 03. Redaktanto de EeA iom mallongigis la enhavon.)***

*RAI:* s-ro Osmo Buller, vi vizitis Vienon por mallonga vizito, sed ĉu vi diros al la geaŭskultantoj, kio estas la kaŭzo de via vizito?

*Buller:* La kaŭzo de tio ke mi venis ĝuste nun, estis ke ĝuste en tiu ĉi tempo, ĉi tie en Vieno, estas du iranaj esperantistoj, interalie Reza Torabi, kiu estas la ĉefa aktivulo de la Irana Esperantista Junulara Organizo. Li kaj alia esperantisto el Irano partoprenis ĉi tie en Vieno en Monda Forumo de Junularo, kiun organizis Unuiĝintaj Nacioj. Entute estis sep esperantistoj, kiuj reprezentis nian junularan sekcion, TEJOn en tiu ĉi junulara forumo; kaj tamen mi ne venis por tiu junulara forumo, sed ĝuste por paroli kun Reza Torabi pri diversaj aktualaj demandoj rilate la evoluon de Esperanto kaj de la Esperanto-movado en Irano. Ĉar ni scias ke multo okazas en Irano, kaj ni multon ankaŭ legas pri la evoluo de la movado tie, sed tamen la informoj ne estas sufiĉe perfektaj kaj tial estas tre utile povi rekte diskuti kun unu el ĉefaj iranaj aktivuloj kaj jam en la pasinta UK en Prago, la estraro de UEA diskutis pri tiu afero kaj tiam oni pensis ke estus tre utile se ekzemple mi povus nome de UEA iri al Irano por tie surloke konatiĝi kun la movado. Sed tamen Vieno estas tre proksima al Eŭropo ol Tehrano, kaj ankaŭ ne estas vizoj kaj aliaj burokrataĵoj, kiujn oni devas mendi por

povi iri tien kaj tial mi kaptis tiun ĉi okazon ĉi tie en Vieno renkonti Reza Torabi.

*RAI:* Kion vi nun jam sciis? Kio estas la nuna pozicio de Esperanto-aktivado en Irano?

*Buller:* La ĉefa tute lastatempa afero, kiu okazis en Irano, estis, ke oni oficialigis tie instituton, kies ĉefa celo estas disvolvigi Esperanton kaj esplori kaj instrui ktp la internacian lingvon kaj je tio ni devas danki al la Irana Esperantista Junularo kaj ĝuste iliaj aktivuloj sukcesis akiri oficialan agnoskon por tiu instituto. Do tio signifas, ke nun en Irano estas oficiala strukturo, oficiala organizaĵo, kiu povas okazigi aferojn, kiujn ne povus okazigi unuopuloj aŭ esperantistaj organizaĵoj, kiuj ne estas registritaj flanke de la oficialaj instancoj.

*RAI:* Estas ege grava paŝo tio en Irano...

*Buller:* Jes, tio estas tre granda paŝo kaj oni povas diri ke ĝi estas eĉ pli granda paŝo ol oni povis akiri en iuj aliaj landoj kie ĝenerale ne estas tiom da problemoj kiel estas en la specialaj cirkonstancoj en kiuj la Esperanto-movado devas agadi en Irano. Tiu instituto, cetere, ne havas en sia nomo la vorton "Esperanto", ĉar laŭ mia kompreno en Irano estas leĝo kiuj malebligas uzi en oficialaj nomoj, ekzemple de organizaĵoj, vortojn kiuj ne estas vortoj de la persa lingvo, kaj tial ankaŭ en la nomo de tiu instituto oni ne parolas pri esperantistoj aŭ pri Esperanto sed pri verda penso aŭ verdaj pensuloj aŭ alia, kio estas interesa afero sed tamen la statuto de la instituto diras, ke la ĉefa celo rilatas al Esperanto, kaj Esperanto estas menciita en la statuto ĉiukaze.

*RAI:* Kiel ili povis tion akiri? Ĉu vi scias detalojn pri tio?

*Buller:* Mi ne scias pri ĉiuj detaloj. Certe tio estis malfacila afero, kaj tre tre komplika. Sendube Reza Torabi povas mem rakonti iom pli pri tio, sed mi scias ke daŭris almenaŭ du aŭ eble tri jarojn la tuta proceduro, kaj mi tre admiras unuflanke la kuraĝon kaj aliflanke la energion kaj persistemon de tiuj junaj homoj.

*RAI:* Do, kiukampe vi flanke de UEA povis ilin iom subteni aŭ ne estis ebla?

*Buller:* Mi vere ne povis konkrete subteni ilin kaj tio verŝajne ne estas sen kialo, ĉar tamen temis pri pure irana interna afero. Ili devis aŭ interesi aŭ interesiĝi kaj la oficialaj instancoj aranĝi tion. UEA nenie povis oficiale interveni, kaj ankaŭ la irananoj ne petis de ni tian intervenon, ĉar tiu interveno de UEA ne estis helpinta, eble estis malhelpinta.

*RAI:* Kaj kion vi nun povas fari por ili?

*Buller:* Do, nun ni daŭrigas tion, kion ni faras jam de multaj jaroj, ke ni subtenas iranajn esperantistojn per livero de lerno-materialoj, kaj tre grava estas ankaŭ membrigo de iranaj esperantistoj en UEA, pere de Fondaĵo Canuto. Tamen multaj iranaj esperantistoj povas ankaŭ mem pagi la kotizon, sed al multaj tio ne eblas kaj tial ni daŭre dependas de donacoj de esperantistoj el alilandaj donacoj al tiu fama fondaĵo Canuto, el kiu ankaŭ fakte se mi bone memoras ĉ. 40 aŭ 50 iranaj esperantistoj en tiu ĉi jaro povis esti membrigitaj, sed la bezono estas pli granda, sed bedaŭrinde la mono

ne sufiĉas por membrigi ĉiujn, kiuj volas kapti la okazon....

*4.1.6 el Red.*

Redaktantoj de EeA ricevas multajn leterojn el Irano, laŭ kiuj ni scias, ke estas du Esperanto-movadoj en Irano. (Verŝajne la samaj leteroj estas adresitaj ankaŭ al nunaj kaj eksaj estraranoj de UEA.)

La unua estas movado gvidata de s-ro Saheb-Zamani, kiu longe laboradis por Esperanto, kaj kiu estas tre konata kaj respentata de multaj irananoj. La alia estas gvidata de Irana Esperantista Junulara Organizo, kies movado estas oficiale agnoskita. La du nuntempe ne harmonias bedaŭrinde. Unu ignoras aŭ tre atentas la alian.

La unua plendas pri malĝentila kaj senpripensa agado de la junuloj kaj pri ilia nesufiĉa lingvokono. La unua grupo timas, ke la junulara grupo danĝerigos Esperantan movadon en Irano, kiun pioniroj komencis, tenadis en malfacila cirkonstanco kaj evoluigas.

Dume juna irana esperantisto vizitis Japanion pro sia profesia laboro. Feliĉe ni havis okazon paroli kun li. Li diris, ke s-ro Saheb-Zamani celas disvastigi Esperanton nur en universitatoj, sed junuloj deziras diskonigi la lingvon pli vaste. Pri danĝero, li diris, ke nenio okazis dum la du jaroj post oficialigo de la organizo.

La redaktantoj pensas, ke Esperanto estas lingvo por interkompreniĝo, sed ke en Irano mankas interkompreniĝo inter esperantistoj. Organiza problemo estas ja malfacila ankaŭ en Japanio, sed ni povos iel solvi la problemon. Almenaŭ ne malamu unu la alian, kaj komencu diskuti respektante unu la alian!

*Doi Ĉieko*

## *4.2 Koreio –Historio de la Esperanto-periodaĵoj en Koreio–*

**La sekva teksto estas la resumo de la magistriĝa disertacio de CHOE Taesok (eksa ĝenerala sekretario de Korea Esperanto-Asocio) en januaro 1997 ĉe la Universitato Eo"tvo"s Lora'nd en Budapeŝto.**

En 1887 aperis Internacia Lingvo Esperanto kreita de Zamenhof por facila komunikado inter popoloj kaj firma mondpaco. Ĝin ekkonis kaj lernis precipe koreaj studentoj en Japanio kaj Ĉinio en la dekaj jaroj de tiu ĉi jarcento. En 1920 fondiĝis Korea Esperanto-Asocio en Seulo kaj ekis la organiza movado.

Mi studis pri Esperanto-periodaĵoj aperintaj de tiam ĝis 1995 en Koreio, en kiuj speguliĝis viva historio de la Esperanto-movado kaj pri ne-Esperantaj periodaĵoj kaj ĵurnaloj, kiuj aperigis artikolojn en Esperanto aŭ en la korea kaj certagrade kontribuis al la evoluo de la movado en Koreio.

Surbaze de grava movada aŭ ekstermovada evento mi triperiodigas la Esperanto-

periodaĵan historion en Koreio. La unua periodo estas de 1920 ĝis la fino de la japana regado kaj la dua estas de la naciemancipiĝo ĝis 1975, kiam ĉiuj esperantistaj organizoj en suda Koreio unuiĝis je la nomo de Korea Esperanto-Asocio, kaj la lasta estas de tiam ĝis 1995. Bedaŭrinde mi ne povis pritrakti la Esperanto-periodaĵojn en norda Koreio dum la dua kaj tria periodoj.

La monata gazeto "La Esperantisto" en 1889 estas la unua periodaĵo en Esperanto. Post 36 jaroj en Koreio aperis la unua Esperanta gazeto "La Orienta Lumo" en 1925, kiun eldonis Korea Esperanto-Instituto. Tamen jam de 1920 ne-Esperantaj periodaĵoj kaj ĵurnaloj aperigis artikolojn kaj eĉ longdaŭrajn lingvokursojn pri Esperanto.

Dum la unua periodo (1920~1945) aperis 9 Esperantaj periodaĵoj. Tamen ilia vivdaŭro estis tre mallonga. "La Orienta Lumo" plej longe ĝisvivis 6 numerojn, kaj la aliaj unu aŭ tri numerojn. Entute 18 ne-Esperantaj periodaĵoj aperigis 39 diverstemajn pri-Esperantaĵojn. Duobla nombro de tiu de la Esperantaj periodaĵoj. Du renomaj ĵurnaloj: Dong-a kaj Chosun kaj Kyonsong aperigis 385-foje artikolojn, originalajn kaj tradukitajn poemojn kaj novelojn, lingvokursajn rubrikojn, kaj movadajn studaĵojn. Ili rolis kvazaŭ la propra organo de la siatempa Esperanto-movado en Koreio.

Dum la dua periodo (1945~1975) la nombro (38) de la Esperantaj periodaĵoj superis tiun (18) de la pri-Esperantaj. Kvaroble pli multiĝis la Esperantaj periodaĵoj ol tiuj (9) en la unua periodo. Kvankam okulfrape multiĝis ĵurnaloj (33) kompare kun la unua periodo (3), malpliiĝis aperfojoj en ĵurnaloj kaj ankaŭ ne-Esperantaj periodaĵoj. Ekaperis organoj de rondoj, kiujn ofte fondis finintoj de Esperanto-kursoj. Naskiĝis organoj de Esperanto-kluboj de supermezlernejoj kaj universitatoj. Aperis gazetoj por neesperantistoj aŭ komencantoj, kiujn konsistigis la enhavo nur en la korea lingvo. 21 Esperantaj periodaĵoj aperis en Seulo kaj 14 en Taegu, kio montras ke la du urboj estis movadaj centroj.

Dum la tria periodo (1975~1995) ĝenerala evoluo de presteknikoj altigis nivelon de Esperantaj periodaĵoj kaj la populariĝo de kopimaŝinoj faciligis ilian eldoniĝon. Aperis entute 61 periodaĵoj el diversaj urboj. Naskiĝis nova rekordo numernombra. "La Lanterno Azia" akiris la unuan lokon per siaj 126 numeroj. Ĝin sekvis "La Espero el Koreio" kun 123 numeroj. Pli ol 10 numerojn havis 17 periodaĵoj. Rimarkinde kreskis eldonaĵoj (24) de Esperanto-kluboj de universitatoj. Ili plejparte estis jaraj aŭ semestraj kaj ampleksaj je ĉirkaŭ 70~100 paĝoj. Ne-Esperantaj 70 ĵurnaloj 366-foje kaj 34 periodaĵoj 45-foje aperigis artikolojn pri Esperanto, al kio multe kontribuis ankaŭ la Seula UK en 1994.

Dum la 75-jara historio de Esperanto-periodaĵoj en Koreio, ili pli kaj pli multiĝis kun la tempo, kvankam ilin obstaklis nemalmultaj malfacilaĵoj kaj ekstermovade (japana kolonio, korea milito) kaj enmovade (organiza skismo, financa kaj homforta mankoj). Entute 111 Esperanto-periodaĵoj, el kiuj plej atentotiraj estas "La Espero el Koreio", kiu kun riĉaj informoj pri Koreio kaj pri la Esperanto-movado regule vizitadis ĉ. 4000 legantojn en pli ol 80 landoj dum 19 jaroj, kaj "La Lanterno Azia", kiu bone servis al

enlandaj esperantistoj, redaktoteknike same bone kiel "La Espero el Koreio". Sed krom ĉefaj periodaĵoj la plimulto neregule aperis kaj ĉesis eldoniĝi post kelknumera vivo. La eldonkvanto estis limigita ofte al la membroj kaj minimumaj donacoj al Esperantaj instancoj. La plejparto estis en la korea kaj tio ja malhelpis internaciajn interŝanĝojn. Preskaŭ ĉiuj estis senprofitcelaj kaj amatorecaj.

Ankaŭ pri-Esperantaj periodaĵoj kreskis kun la tempo. Malgraŭ tio ke en la dua periodo draste reduktiĝis aperfojoj, pli multe nombriĝis ĵurnaloj, kiuj aperigis diversajn pri-Esperantaĵojn. Admirindas kaj sekvindas senavara subteno de la ĵurnajoj "Dong-a" kaj "Chosun" en la unua periodo kaj entuziasma aktivado de tiamaj esperantistoj. Ĝis nun 31 ĵurnaloj aperigis minimume trifoje dum la tuta historio kaj 10 ĵurnaloj pli ol 10-foje.

## 4.3 Ĉinio –Provinco Fujian (ĉefurbo Fuzhou) aldono al GEMA "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio"

### 4.3.1 en la provinco —

S-ro Lin Zhenhan (1883-1932), naskiĝinta en Fujian, ĉinigis en 1909 la libron "Esperanto", kiu estas la unua el la lernolibroj de Esperanto, publikigitaj en Ĉinio.

Ekde 1910 Esperanta organizo jam ekzistis en kelkaj urboj, kiaj Fuzhou, Zhangzhou, Quanzhou kaj Xiamen. Multaj pioniroj propagandis kaj instruis Esperanton en Fujian, inter ili estis nemalmultaj famuloj, kiaj Bajin (Bakin), Wang Luyan kaj Luji, agantaj en Quanzhou.

En 1963 Esperanto-kurso troviĝis en Ximen Universitato kaj Fujian Normala Instituto (nun Universitato).

Dum la 80aj jaroj aperis Esperantaj kursoj kaj informiloj unu post la alia. Krom en la supre menciitaj du lernejoj Esperamto estis instruita ankaŭ en Fujian Agronomia Instituto (nun Universitato), Fujian Scienc-teknika Instituto por Progresantoj, Fujian Bankfaka Lernejo ktp. En tiu periodo oni povis trovi Esperantan asocion aŭ grupon en 23 urboj kaj gubernioj, kiuj okupis trionon de la provinco.

Fujian-a Esperanto-Asocio fondiĝis en la fino de 1983. La Esperanto-Asocio fondita de Quanzhou en 1984, kaj tiu de Ningde en 1985 aktivis kelkajn jarojn, precipe la antaŭa pli bone, dum tiuj de Sanming kaj de Yong' an en 1984 estis kaj estas viglaj.

Detempe de la 90aj jaroj rapide malmultiĝis homoj, kiuj volis lerni Esperanton, pro la diversaj konceptoj pri vivo kaj valoro en la nova sistemo de merkat-ekonomio. Kaj plejpartaj Esperantaj organizoj silentis eĉ forvelkis.

Sed tamen ĝuste en tia tajdo ekstaris nomata Fužhou-a Eseranto-Asocio en 1995, Xiamen-a Esperanto-Asocio en 1996. Sekve estis elektita fine la dua estraro de Fujian-a Esperanto-Asocio, kiu revigliĝis.

En la urbo Fuzhou aperis la Esperanto-Rondo jam en la jaro 1916. En 1929 unuafoje en publika mezlernejo Esperanto-kurson oni havis. En 1948 estis la kromfolio pri Esperanto en la ĵurnalo "Fujian Shibao", aperigita je 29 numeroj seninterrompe. Tio multe impulsis Esperanto-movadon en la tuta provinco. Post la fondiĝo de Ĉina Popola Respubliko okazis en Fuzhou la unua kunveno memore al la 104a naskiĝtago de d-ro Zamenhof en 1963. Depost la fino de 1979 multe da Esperanto-kursoj funkciis. Eĉ 6 eksterprovincaj lernejoj korespondaj establis helpinstruajn stacietojn en la urbo.

En aprilo 1995 fondiĝis finfine Fuzhou-a Esperanto-Ascoio, kiun antaŭe en pli ol dek jaroj oni organizis ne nur 4 fojojn, sed tute ne sukcesis, kvankam oni komencis la preparan en 1986. Tio akcelis forte la fondon de Xiamen-a Esperanto-Asocio kaj la reviviĝon de Fujian-a Esperanto-Asocio post sia stagno en longa tempo.

Fuzhou-a Esperanto-Asocio havas pli ol 50 individuajn membrojn kaj sian bultenon "Esperanto-movado en Fuzhou" (ĉinlingve) eldonita regule. Ĝi funkcias normale. Ĝia oficejo estas en Fuzhou-a Esperanto-Lernejo.

Fuzhou-a Esperanto-Lernejo estis establita de Taijiang-a Esperanto-Asocio en 1984 en unuatempa formo la Centra Grupo de Esperanto de Taijiang (Kvartalo), kun nura kurso Esperanto. Poste la lernejo lernigis plurajn kursojn ĉefe vesperajn kaj korespondajn. Dum la pasintaj dek jaroj el la kursofinintoj pli ol 3 mil estis Esperantaj. Nun en ĝi estas multaj fakoj pri 10 fremdlinvoj, komputilo-tajpado, infankulturo ktp. Sed bedaŭrinde kursanoj de Esperanto estas raraj. La membroj de Fuzhou-a Esperanto-Asocio en la lernejo, ofere subtenanta kaj financanta Esperanto-movadon, prenas sur sin la plejpartan laboron de la Asocio.

*Fujian-a Esperanto-Asocio/ 5-504, Fuzhou Kejiguan, Guangda Lu 248, CN-350004 Fuzhou*

*Fuzhou-a Esperanto-Asocio/ Bayiqi Zhong-Lu 422, CN-3500004 Fuzhou. tel.: +86-591-3314948*

*s-ro Jiang Yunlin/ 1-404, Guangda Lu 335/ CN-350004 Fuzhou. tel.: +86-591-3270269*

*Xiamen-a Esperanto-Asocio/ Lizhi Lu 5/ CN-361003 Xiamen*

## 4.4 Esperanto-movado en Japanio

Japana Esperanto-Instituo (JEI) eldonas sian monatan organon "La Revuo Orienta". La julia numero de 1997 enhavis ankaŭ jarlibron de la instituto. Tie oni raportis pri la movado (1996-04~1997-03). El la paĝoj ni prezentu parton de la raporto.

En la fino de 1996 la nombro de la membroj de JEI estis 1422.

En majo JEI okazigis tutlandan kunloĝadon kun 95 partoprenantoj en Tokio.

En aŭgusto JEI organizis La 83an Japanan Esperanto-Kongreson en Hiroŝimo, en kiu aliĝis 426.

JEI subtenis junularan movadon kaj helpis: La 15a Komuna Seminario okazis aŭguste en la gubernio Okajama kun 46 partoprenantoj.

En novembro JEI eldonis lernolibron de Esperanto verkitan de Huzimaki Ken'iti, kun la titolo "Haĵimete-no Esperanto (Enkonduko de Esperanto)" , kaj en decembro eldonis libron nomatan "Zamenhof kaj Esperanto" verkitan japanlingve de Watanabe Katuyosi. Tiu lasta estas akademia studo, kaj oni eldonis malmultkvante, mempresinte.

En La Unua Azia Kongreso, kiu okazis en Ŝanhajo (08-21~25), partoprenis entute 584 el 18 landoj, kaj inter ili estis 154 japanoj.

JEI havas du domojn: Unu estas oficejo kun librovendejo, biblioteko kaj kunvenejo en Tokio kaj la alia estas Esperanto-Domo en Jacugatake, kie oni povas tranokti, lerni, havi kunloĝadon kaj ankaŭ ripozi. En la lasta jaro 350 homoj tranoktis en la Domo de Jacugatake.

En oktobro forpasis la prezidanto de JEI, s-ro KUBO Sadaĵiroo, kaj oni ankoraŭ ne decidas novan prezidanton.

*(DOI Ĉieko)*

## 5. *Opinio*

### *Ĉu Hindio aŭ Bharato?*

Hinda Unio, Hindio, Hindustano, Hindujo, Indio kaj Bharato. Kiun ni uzu en esperantujo por indiki la landon 'India'? Kiam la tutlanda Esperanta organizaĵo estis formita en 1982, mi estis agnoskanta la argumentojn de la kongresanoj por kaj kontraŭ tiuj nomoj. La du ĉefaj decidoj de la Unua Tutlanda Esperanto-Kongreso en 1982 estis kuraĝigi la federaciecon de la landa asocio kaj nomi ĝin Federacio Esperanto de Bharato. Tiam mi ne komprenis, nek aliaj laikuloj, pri la graveco de la vorto Federacio. Nun post 15 jaroj la politika kaj socia evoluo indikas, ke tiu lando ne povas vivteni ekster la sistemo de federacismo. Eksa ĉefministro de la lando V.P. Singh diris, ke tiu ĉi lando estas politike, kulture, lingve, socie kaj ĉiele estas mozaikeca kaj devus esti federacia. Tion pruvas la malfortigo de naciskalaj politikaj partioj kaj fortigo de lokaj kaj regionaj movadoj. Ankaŭ tio aplikeblas al nia movado. Do la Unua Esperanto-Kongreso bone antaŭvidis la estontecon kaj agis laŭe.

La dua punkto de la disputo estis uzi la vorton Bharato anstataŭ Hind-devenaj vortoj. La radiko 'Ind' devenas de la rivero Sindhu fluanta de Tibeto tra Pakistano. Tiu rivero markis la nordokcidentan limon de la subkontinento. La vorto Sindhu perdis la sonon S en okcidentaziaj lingvoj kaj akiris la sonon Indu. La Britoj uzis la nomon India, deveninta de

la sama vorto. Surprize, ne estas kontraŭo uzi la vorton Indio, ĉar tiu ĉi anglisma vorto kuniras kun la toleremo, demokratio kaj liberalismo ktp. Sed la vorto 'Hind' tuj memorigas nin la lingvon Hindia, la religion Hinduismo, dekstran (eĉ ekstreman) politik-pensmanieron. Do, la vorto Hindustan perdas sian gravecon en la oficialaj lingvaĵoj de la lando, kaj registaro mem preferas uzi aŭ Bharaton aŭ India. Pro la populareco de la angla oni ne neas la vorton India. Tio ne indikas la akcepton de la vorto Hindustan, la patria vorto. La radiko Bharato indikas genton kiu okupis la landon antikve, la nomon de reĝo kiu tutlandde regis, kaj multajn aliajn. La granda epiko Maha-Bharata, la granda bharata rakontas pri la politika kaj socia vivo de la lando ne nur en la nordo sed tutlande. Ĉi tie, la vorto Bharato indikas la 'detala priskribo'n. Nuntempe, tiu ĉi vorto estas komune akceptebla tutlande kaj ties uzo apogas federacismon kaj diversajn lingvojn, kultojn, kulturojn kaj religiojn. La landa monbileto ankaŭ portas la vortojn India kaj Bharato. Do estas klare ke FEB ne trudas novan vorton 'Bharato' je esperantistaro.

Nu, vi akceptas uzi Bharaton. Sed kial ne Barato anstataŭ Bharato, ĉar ni ne trovas la sonon BH en Esperanta literaro. La reagoj en la revuo "Esperanto" (jul-aŭg, dec. 95 kaj poste) menciis kelkajn opiniojn de Probal Daŝgupto, Johano Rapley kaj Ian Fantom rilate al tiu problemo. Kompreneble kiam oni kontraŭas la uzon de Bharato, bharataj esperantistoj elmontras esperanterojn de eŭropismo kaj sian neaprobon. Multaj sonoj de Esperanto ne estas komunaj al ĉiuj lingvoj. Ekzemple en bharataj lingvoj ne troviĝas la sonoj C F Ĵ Z. Tamen ili estas akceptataj laŭ la preskribo. En bharataj lingvoj troviĝas konsonantoj B kaj Bh ambaŭ plosivoj. La dua estas kun emfazo. Se ni ne uzas H kun B la vorto perdas vervon. Kaj plie la akcento estu je Bha anstataŭ je ra. Se la prononco de bharato estas malfacila, oni povas anstataŭe uzi Barato aŭ Indio.

La logiko de personaj nomoj estas aplikebla por la landnomoj. Mi rajtas uzi mian nomon kiel ajn mi volus. Mi enmetas ne-Esperantajn literojn kaj sonojn. Sed oni ne postulas ŝanĝojn. Mi kredas ke la esperantistoj de respektiva lando havu rajton nomi sian landon depende de la naciaj trajtoj. Ĝis nun neniu en nia lando kontraŭis la nomon Bharato, kaj plie oni altetaksas tiun ĉi nomon, ĉar tiu vorto egale aplikeblas al diversaj lingvo-regionoj.

*el "Fenestro" - 1997-06, organo de Federacio Esperanto de Bharato*

(red. Kiu estas la verkanto de la artikolo? Ĉu s-ro Ranganayakulu, kiu estas redaktanto de la organo?)

## 6. Okazis

Seminario de HEA (Hubei-a Esperanto-Asocio), ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) kaj EVA (Esperantlingva Verkista Asocio) en DED (Donghu-a Esperanto-Domo)

En julio okazis la seminario kun pli ol 20 samideanoj el Honkongo, Guilin, Anhui, Huangshi kaj Wuhan. Prezentitaj estis pli ol 10 tezoj pri traduko de la nomo de la honkonga urbofloro, Esperanta verkado per ĉinaj klasikaj poemaj formoj, grandeco de la vorto "biliono", efika lernado de Esperanto, kompilarto de Esperanto-vortaro, tradukarto de antikva literaturo ktp. Japana lekciisto Yamaguti Sin'iti eĉ sendis tezon pri eksperimento esperantistigi sian du-jaraĝan filon. La sekretario de Honkonga Esperanto-Asocio Bill Mak donis raporton pri Honkonga movado.

Ĉar la prezidanto de HEA estas ĉina sekciestro de ILEI, li utiligis la ŝancon por instrua agado. Kaj iu delegito aŭ peranto de EVA el alia ĉina urbo partoprenis komisiite de la estraro, la seminario havis temon ankaŭ pri literaturo.

*raportis PENG Zhengming (dedhea@public. wh.hb.cn)*

## 7. *Ricevitaj organoj*

### *7.1 "Fenestro"*

du-monata informilo de Federacio Esperanto de Bharato; (1996-12), (1997-04) kaj (1997-06); 25.2x19cm; 4 aŭ 8-paĝa; angla kaj Esperanta; redaktas PV Ranganayakulu; PO Box 12 TIRUPATI NORTH 517 507 Andhra Pradesh, Bharato

### *7.2 "IREJO - Bulteno"*

informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo; n-roj 16, 17, 18 (1996-10, 1997-02, 03), A-5; 20-paĝa; Esperanta; (vid. p.10 kaj 11 du el la artikoloj)

redaktas M.Reza Torabi (prezidanto de IREJO). adreso: P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano. tel. kaj fakso: +98-21-6626913

### *7.3 "PENSEO"*

la monata beletra revueto en Esperanto; n-ro 63 (1997-01), 64 (1997-02), 65(1997-03), 66(1997-04), 67(1997-05), 68 (1997-06); 27x19cm; 4-paĝa; Esperanta; ĉefredaktoro: Shi Chengtai; eldonas Donghu-Esperanto-Domo/ Peng Zhengming/ Fujiapo, Meiyuan Xiaoqu 301-3-2, Hubei, WUHAN 430070 Ĉinio

### *7.4 "Bulteno de Esperanta Komerco"*

n-ro 26 (aprilo 1997); 27x19.5cm; 4-paĝa; Esperanta kaj la ĉina; eldonas Ĉina Peranto de IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonimia Fakgrupo); adreso: Wang Tianyi/ Xi'an Esperanto-Asocio/ Xiyinglu 74, CN-710054 Xi'an, Ĉinio

### *7.5 "Ruslanda Esperantisto"*

sendependa ĉiumonata gazeto; n-ro 66 (1996-12), 67 (1997-01), 68 (1997-02), 69 (1997-03), 70 (1997-04), 71 (1997-05), 72 (1997-06); A-4; 8-paĝa; preskaŭ Esperanta; ; ĉefredaktoro: Halina Gorecka; adreso: RU-620077 Jekaterinburg-77 p.k. 67, Ruslando

*7.6 "Verda Stelo"*

organo de Liaoning-Provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio; n-ro 1 (1996-10); B-5; 8-paĝa; Esperanta; redaktoro: s-ro Wu Guojiang/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo 113008 Fushun, Ĉinio

## 8. *Informo*

adresŝanĝo de Filipina Esperanto-Asocio

P.O. Box 570, Cotabato City, 9600 Filipinoj

## 9. *Kontribuo*

Post la raporto en n-ro 27 ni ricevis sume 26000 japanajn enojn de jenaj 10 personoj. Ni kore dankas vin.

Imazu Touiti, Itabasi Tutomu, Koga Sirou, Koyama Takesi, Takase Yosiko, Tutiya Kanzi, Kobayasi Kayoko, Esaka Kiitirou, Nakano eiko, Yano Keiko.

**Vian kontribuon al Projektoj por Azia Movado ni elkore atendas.**

•*Parolas la redaktantoj:* En Japanio baldaŭ okazos la 84a Japana Esperanto-Kongreso en la urbeto Ikeda. Mi (Ĉieko) laboras kiel Konstanta Kongresa Sekretario. Tial laborante por ĉi tiu bulteno, mi ankaŭ redaktas kongreslibron. En la domo abundas paperoj, jen por la kongreso, jen por la bulteno, kiuj ofte miksiĝas. Mi ĉiam serĉadas ion kaj trovas malnovajn leterojn, kiujn mi tute ne tuŝis, kaj kiuj estas ja gravaj sed tro malfrue por ion fari... Pardonon! / Kiam mi (Hirokaz) spektas nunan situacion en Nord-Koreio per televida elsendo, mi ne povas ne rememori la ardan tempon, kiam multaj en Japanio parolis, ke la lando estas surtera paradizo. Ankoraŭ ekzistas universitata profesoro kiu daŭre prelegas la samon. Kian vivon pasigas esperantistoj en la lando, kaj kiam ni povos komunikiĝi kun ili per Esperanto? (1997-07-27 *DOJ Ĉ.kaj H.)*